# KATOLIKA MONDO

ESPERANTO-ORGANO DE INTERNACIO KATOLIKA

8a Kolekto N° 1 — ALDONO: LA JUNA BATALANTO — JANUARO 1927

Redaktejo kaj Administracio: ELBERFELD (Germ.)

KUNREDAKTOROJ: *Prof. CAROLFI, OFM, Italujo; Kaspar MAYR, Anglujo; Prelato A. DOMBROVSKI, Litovujo; Pastro MAKARA, Polujo; Prof. P. MUFFANG, Francujo; W SOLZBACHER, Germanujo.*

Oni sendu manuskriptojn kaj pagojn nur al Elberfeld.






Aperas Monate - Fondita 1921

ABONO: *egalvaloro de 1,25 sv. fr. kvaronjare. Oni mendu ĉe la Ĉefadmini tratio aŭ ĉe la Postoficejo*

REKLAMO: *Po unucentimetra kolonoro egalvaloro de 1,60 sv. fr.* - ANONCETOJ *po empreso, (ĝis 15 vortoj) 0,75 sv. fr. (antaŭpage).*

POŜTĈEKAJ KONTOJ: *Budapest 59169. Bruxelles 185734. - Paris 80061. - Praha 77396. - Roma 1/2600. Warszawa 190972 - Köln 76105. - Wien 192473.*


# Ateista danĝero, kaj devo de Katolikoj

**De prelato A. Dombrovski, Kaŭnas**

Publikigante la suban artikolon de Prelato Dombrovski el Kaŭnas ni diskutigas liajn tre rimarkindajn propronojn. Prelato Dombrovski estas unu el la plej eminentaj pioniroj de la Katolika Esperanto-movado. Lia ĉefverko «Malgrandaj Pensoj pri Grandaj Demandoj», eldonita 1908 en Kovno (Kaŭnas), estas ankoraŭ nun unu el la plej legindaj libroj de la Katolika Esperanto-literaturo. Do ni forte ĝojus, se la proponoj de nia altŝatata kunlaboranto tirus la atenton de nia legantaro. Red.

Ni vivas en terura tempoj. La malbono kaj la malvero senbridiĝas sen ia honto. La unua neruĝiĝante sin nomas bono, la dua vero.

En religia sfero la malvero elantikve havas la nomon de *herezo*. Kun la evoluo de l'homaro evoluis ankaŭ la herezoj. En la komenco de l'kristanismo ili estis *kristologiaj*, en la XVI centjaro ili fariĝis *ekleziologiaj*, en la nuna tempo ili atingis sian lastan limon kaj libere disvastiĝas en formo de la plej senhonta *ateismo*. La ateismo estas ĉefherezo de niaj tempoj. Ĝi forĵetos ne sole sakramentojn, dogmojn, eklezion, sed ankaŭ neas eĉ Dion mem kaj homan animon.

Tiamaniere estas forĵetataj ĉiuj fundamentoj de ia ajn religio, tiu ĉi lasta estas proklamata kiel « opiumo de popoloj » kaj mokata kiel la plej malsaĝa ridindaĵo en kontraŭreligiaj paroladoj kaj en kontraŭreligia literaturo.

En Moskvo estas eĉ kreita kontraŭreligia Akademio kun granda nombro da kontraŭreligiaj profesoroj.

Ĉu tiu ateista propagando ne estas danĝera al la katolikaro? Jesa respondo ne ŝajnas al mi ĝusta. Ĉar kvankam klerajn katolikojn tiuj kontraŭreligiaj paroladoj kaj broŝuroj ne sukcesas fortiri de la religio, tamen entenataj en ili ateistaj sofismoj povas turni la kapon al multaj studentoj, gimnaziistoj kaj des pli al neklera vilaĝana junularo.

Tiu ateista danĝero grandiĝas ankoraŭ pro tio, ke la ateista propagando lastatempe komencis uzi por siaj malpiaj celoj ankaŭ nian karan lingvon Esperanto. Jam antaŭ la milito (1911) estas esperantigita blasfema broŝuraĉo de S. Faure «La krimoj de Dio». Antaŭ ne longe komencis aperadi la tuta serio da similaj verketaĉoj («Kontraŭ Dio», «Malgranda Terbiblio» k. a.)

Sciante tion ni katolikoj ne povas silenti. Ni devas zorgi pri konvena antidozo kontraŭ tiu tre malavare dissemata ateista veneno en la formo de konvena apologetika literaturo.



Profesoro MUFFANG
nia kunredaktoro, parolados la 30 an de Januaro en Elberfeld. Oni atentu la sciigojn detalajn en la rubriko « Nia Movado » kaj en la anonca parto.

Ĉar la ateismo batalas precipe kontraŭ la fundamentoj de la kredo, do nia devo estas komence eldoni almenaŭ tre malkarajn kaj tre kompreneble verkitajn malgrandajn broŝuretojn: 1) Pri Dia ekzisto. 2) Pri ekzisto de homa animo. 3) Pri senmorteco de homa animo.

La aŭtoroj de tiuj broŝuroj devus nepre atenti la argumentojn uzatajn de ateistoj en iliaj broŝuraĉoj. Ĉar ili ĉefajn siajn sofismojn kontraŭ Dio ĉerpas el la ekzisto de la malbono kaj de infero, do tiu demando devas esti precipe atentata en la unua broŝuro.

La dua broŝuro pri la homa animo devus nepre enhavi la rifuzon de l'materialismo, ĉar sian neon de homa animo la ateistoj ordinare fondas sur la aserto, ke en la mondo ekzistas nur la materio.

Ĉar la argumentoj de la ateismo estas ĉie la samaj, do ankaŭ la katolika respondo je tiuj argumentoj taŭgas ankaŭ por ĉiuj katolikoj de la tuta mondo, kaj esperantigitaj, povus sukcese helpi la tutan katolikaron en ĝia batalo kontraŭ ateismo.

Por akceli aŭtorojn al verkado de tiuj kontraŭateistoj broŝuroj, tre utilus *internacia konkurso* kun difinitaj premioj. Al konkurso devus esti allasataj ankaŭ la aŭtoroj verkantaj nacilingve (en ĉefaj lingvoj de Eŭropo). Ĉar pli facile estos la premitan broŝuron esperantigi, ol ĝin esperantlingve verkitan ricevi.

Mi estus tre feliĉa, se la legantaro de « Katolika Mondo » mian proponon rekonu akceptebla kaj urĝa.

Pro A. Dombrovski.
Kaŭnas (Litovujo) 14-XII-26.

## Vivu Kristo!

La pasinta jaro estis triumfo de Kristo. Kion ni elpetis kaj deziregis kun pacsoifantaj koroj dum la militaj kaj postmilitaj jaroj, almenaŭ parte realiĝis. La amo venkis la malamon; Kristo revelaciis sian ĉiamvenkan forton kaj ekiris kiel sunbrila pacheroo el la malluma nokto de mapaco kaj malamo...

Humile ni surgenuu kaj adoru Dion la eternan pacreĝon kaj danku al li el tuta nia animo!

Dankon, dankegon ankaŭ al vi ĉiuj, fratoj kaj kunhelpantoj el ĉiuj landoj kaj lingvoj, kiuj tiom admirinde kaj konfidplene kunlaboris por progresigi nian interfrataran movadon. Certe ni estas malmultaj, tamen ne malfortaj. Ne la nombro venkos; la spirita forto akiris la finan triumfon! Do estu ni kuraĝaj kiel laboristoj de la Plejalta Sinjoro! Konfidemaj kiel infanoj de nia unusama Patro ĉiela, kiu donas sian superfluan gracoforton al ĉiuj malriĉaj en spirito al ĉiuj pacemaj, al ĉiuj humilaj, al ĉiuj malamataj kaj persekutitaj...

La diablo tamen ne dormas, karaj

amikoj, la spirito de disunuiĝo, de malamo, de malkredemo, de avareco, de multokoloraj egoismoj kaj pasioj : persone, nacie, internacie. Ĉiam ankoraŭ la sankta korpo de Kristo, la universala kristana eklezio estas dismembrigata, disunueca ; eĉ la fratoj de nia sankta roma eklezio ne ankoraŭ sufiĉe ekvekiĝis al ĉi tiu viva, ĉionkonvertiga Dioforto, kiu estas signo de la vera sanktiga eklezio ; ili ne ankoraŭ unuiĝis al tiu sennombra pacarmeo, kiu sekvante la krucoportantan Savinton alportos al la homaro la pacoregnon de Kristo, kie ne plu estos militoj kaj malamoj, kie ĉiuj emos, soifos servi la frataron de la Sanktuloj !

Do iru ni antaŭen, karaj gefratoj, sub la standardo de Kristo ! Marŝu ni kuraĝe kiel militistoj de la Plejalta ! Estiĝu ni pli kaj pli interfratara familio, unuigitaj per unu sama lingvo kaj unu ĉionpova amo ! Klopodu ni konverti la aliajn per nia ekzemplo, per nia agado ! Ne laciĝu ! Kristo estas kun ni.

Vivu Kristo !

## Kion diras niaj legantoj

... « mi restas kaj ĉiam restos sincera favora al via ŝatata « Katolika Mondo », kiu lau mia opinio, bone kaj prudente servas al komuna afero — de l'katolika kredo kaj de la Esperanto.

Sincere via

Kaŭnas Pro. A. Dombrovski.

# El Rusujo

(Originala letero al K. M.)

... La gazetojn « Katolika Mondo » kaj « La Juna Batalanto » mi ne ricevis ankoraŭ ĝis hodiaŭ, kaj kredeble mi ilin ne ricevos, ĉar oni la religiajn gazetojn konfiskas...

Antaŭ du-unu jaroj oni ofte aranĝis kontraŭreligiajn lekciojn. La pastroj, certe, ĉeestis ilin kiel apologetoj de sia kredo kaj Eklezio. La parohanoj dum tiaj disputoj ĉiam simpatias al la pastroj, eĉ se ili ne ĉiam venkis sian ateistan kontraŭulon. La religia sento estas ankoraŭ forta en niaj parohanoj. La kontraŭreligia agitado ne malfortigis tiun ĉi senton, sed, kontraŭe, ĝin eĉ plifortigis. En la nuna jaro urbon Ufa vizitis fama predikisto Metropolito A. Li tralegis tie tri lekciojn-disputojn kaj ĉiam trovis grandan sukceson. Granda halo de teatro ( por 1500 homoj ) estis plenplena. La publiko, kiu avidema estis por libera vorto, kiam la vorto «disputo» estis io neordinara, torente iris al la teatro. La impreso estis nepriskribebla. Kun tia talento de oratorado, kiun havas la metropolito, kun sia klereco imponanta al ĉiu, li ŝajnas esti geniulo kompare kun tiuj oponantoj, — plej instruitaj kaj kleraj personoj el partiuloj, kiuj estis senditaj al la disputo de tieaj Ufa'aj ĉefuloj. Okazis tiel, ke la oponantoj — troviĝis en plej ridinda stato pro sia malpravo. Tiel scias la metropolito direkti la esencon de la disputo. Ĉarma trajto de tiu oratoro estas ankaŭ senartifikeco kaj « laikeco » de lia parolo. Oni facile aŭskultas lin, kvazaŭ ne ĉe serioztema disputo, sed en gajhumora teatro ĉe varia spektaklo sidas la veninto. Kaj kiam eksonoris la 1-a post la noktomezo, la disputo finiĝis laŭ fiksita regularo. Oni sentis sin viglaj, ne lacigitaj, pretaj, kiom ajn longe aŭskulti lian parolon... La rezulto estis negativa por...

Oni bedaŭris, ke la lekcioj estis permesitaj per cirkulero el Moskvo. Ĉar la publiko ĉikanas pri jenaj ekzemploj : Laboristo, kiu aŭskultis la lekcion de la metropolito Aleksandro, veninte hejmen, ordonas al siaj familianoj : — Edzino, kie estas niaj ikonoj ( sanktulstatuoj )? Metu ilin en la ĝustan lokon, morgaŭ venigu pastron por bapti la infanojn. ... Ĉar nun mi konvinkiĝis, ke Dio ekzistas... ktp. Tia rezulto, eĉ se ĝi estus escepta okazo, certe ne akcelas la tendencojn de tiuj, kies tasko estas, ĉiel kulturi oficialan ateismon...

La « Vivanta Eklezio » preskaŭ tute pereis Tion jam necesigas ĝiaj ĉefuloj. La kredantaro eĉ ne deziras aŭdi pri ĝia reprezentantaro. Vi povas konkludi pri la indeco de ĝiaj adeptoj laŭ tiu ĉi bildo : « Episkopo » Kuĉinskij el silka pastra surpliso faris por si ĉemizojn kaj el veluraj nigraj ornatoj kudris por si pantalonojn kaj sutanon.... Pastro M. Orlov dum likvido de monaĥinejo havigis al si kelkajn sanktvestojn kaj tapiŝojn ; el la sanktaj vestoj li kudris ne nur por si sutanon, sed eĉ por sia edzino jupojn kaj pantolonojn.... La tapiŝoj li lotumis. La kredantaro tiam indignis. Pri lia malmoraleco kaj malĉasteco mi jam ne skribas, per tio mi timas malpurigi miajn manojn. — Mi prezentas al vi nur du personojn, sed mi certe povus multcentigi tiun ĉi kvanton. K. K.

# La Unuiĝo Universala por forigi tiun krimon: La Milito

Ĝia karaktero jura kaj eksterpolitika. Ĝia disvolviĝo.

La unuiĝo universala : « Por forigi tiun krimon : la milito» estas nun sufiĉe konata, por ke ne estu necese rediri ĝian devenon, ĝian disvolviĝon, ĝian principon kaj ĝian grandaniman celon.

Pristudinda punkto restas : ĝia jura karaktero.

Ĉiuj homoj deziras la pacon kaj neniu kuraĝus persiste diri rigardante kunparolanton : mi deziras kaj mi ŝatas la militon. Neniu eĉ la parlamentanoj plej patriotaj kiuj preferis voĉdoni favore por la kontrakto de Locarno pli ol ŝajni ne pacemaj.

Tamen depost [illegible] 1921 a., 414 francaj parlamentanoj kuniĝis en grupoj por doni al la paco fortan juran fundamenton.

Kio estas nova en komprenmaniero de tiuj parlamentanoj kaj de la universala unuiĝo supre nomita ?

Ili opinias, ke se oni ne havus kodon punan, se oni ne havus tribunalojn, se oni ne havus ĝendarmojn kaj punojn, oni devus nun ankoraŭ timi sur la vojoj la atakojn de aliaj homoj, tute kiel dum la pratempoj. Ili opinias, ke la homoj dezirantaj mortigi najbaron ne hezitus fari tiun krimon, se ili ne timus punojn. Leĝo estas protekto de honestuloj. Estas same inter nacioj, kiel inter homoj. Tiel longe ĝis la ŝtatgvidantoj scios ke ili povos ekmiliti sen granda risko, oni ne povos forigi la militon.

Necesa estas supera juĝistaro, antaŭ kiu estos denuncitaj la ŝtatgvidantoj kaj tiuj, kiuj estos malhelpintaj la pacon per skribaĵoj, per paroloj, per agadoj. Tiuj krimuloj devas esti juĝotaj kaj punotaj de internacia kortumo, kiel la mortigantoj. Sciantaj ke antaŭ tiu supera juĝistaro ili riskus vivon, liberecon, honoron, ili pripensus kaj ne instigus al tiaj krimoj

Juro internacia, juĝistaro internacia, polico internacia, estas la rimedoj konsiderataj de 414 francaj parlamentanoj por starigi daŭreblan pacon.

Malkonsentoj povas okazi inter du grandaj komercistoj aŭ industriistoj. Ĉu ili sin turnos al perforto? Ĉu la familio aŭ la oficistoj de la unua iros en densaj vicoj gvidataj de laborestroj al la magazenoj au fakrikejoj de la dua. Oni ne permesas tion inter la individuoj en la civilizitaj landoj. Kial oni permesas tion inter la nacioj ? Ĉu oni ne povus ankaŭ juĝigi la malkonsentojn internaciajn de internacia kortumo ?

La respondo estas tiom klarvidebla, ke la projekto jura rekomendata de la Unuiĝo universala « Por forigi tiun krimon : la milito » progresas.

La asocio kalkulas eminentajn homojn de ĉiuj opinioj filozofiaj, religiaj aŭ politikaj.

Inter ili Lia Kardinala Moŝto Dubois, ĉefepiskopo de Paris, estas Honor-Komitatano.

Kiu volas favore helpi laŭdindajn klopodojn, tiu aliĝu al UNION UNIVERSELLE « Pour supprimer ce crime : la guerre » 130, rue de Rennes, Paris, 6, kiu sendos propagandan presaĵon.

RAYMOND LE LANDAIS
Advokato ĉe la Apelacia Kortumo de Paris, honormembro de Universitata Rondo de Studoj Francaj en Varsovio.

*Noto de la tradukinto.* — Tre laŭdindaj estas al klopodoj priparolitaj en la supra artikolo. Kiu povas, tiu devas helpi tiun unuiĝon. Sed la homaj rimedoj por starigi la pacon ne estas sufiĉaj. La legantoj de « *Katolika Mondo* » devas atenti la gravecon de « *Internacio katolika* » por kunigi la katolikajn fortojn, kiuj estas necesaj por starigi la pacon per regno de Kristo. P. M.

# Argentinanoj, ĉu estas vere ?

En Argentina Esperantisto (julio 1926) Jako Vilaseka raportas pri vojaĝo, kiun li faris tra vilaĝoj apud Parana-rivero. Li rakontas :

« Kiu neniam forlasis Buenos Aires, ne imagas kian vivon vivadas en la provincoj la miloj da nigraj loĝantoj apartenantaj al la parazita klaso. — Ni imagu tendaron faritan el kano, infanojn nudajn, bubojn kiuj saltas kiel personoj, virojn trinkantajn, virinojn kiuj fumas ĉe la tendo la tridekan pipon de la tago, kaj diru al mi ĉu tio estas teritorio apartenanta al la respubliko aŭ estas angulo de la unuaj loĝantoj de la tero, kvankam la lastaj ne fumis nek drinkis.

Neniam mi forgesos la « ĝentilecon » de unu el la tieaj indiĝeninoj, respektinda patrino de ses infanoj, kiam ŝi invitis nin «kiel gastoj» en sian tendon. Unue ŝi postulis monon por aĉeti «ion» Mia amiko Pervesi, grandanima kaj bonkora, donacis al ŝi du piastrojn, ĉar li kredis ke la malfeliĉa familio ne vespermanĝis pro manko de kelkaj moneretoj. Post momento knabo revenas kun botelo plena de vino. En la tendo antaŭ ligna kapeleto enhavanta la sanktan Virgulinon de Itati staras fera poto malpura kaj malbonodora ( kiel la pipo ). Ni, tre respekteme, sciigas ŝin ke ni ne soifas en ĉi tiu momento. La indiĝenino koleras sed plenigas la poton donante ĝin al siaj infanoj kaj mem trinkas la restantan vinon per la botelo.

La respektinda patrino postulas de mi tabakon, bruligas la pipon kaj komencas rakonti sian historion : « La patro de la plej aĝa estas braziliano, la patro de ĉi tiu knabo estas paragvajano, la patro de... »

Laŭ signo farita de la patrino la infanoj foriras de la tendo, ŝi mem ankaŭ. Restas nur knabino, filineto de la braziliano, kaj alia knabino ĵus alveninta el alia tendo. En ĉi tiu momento mi miras. ke la sankta Virgulino de Itati restas senmova. Mi sentas naŭzon kontraŭ ĉi tiuj homoj, kontraŭ la homaro kaj precipe kontraŭ la ŝtatdirektistoj, kiuj permesas tiajn krimojn.

La knabinoj vidante ke ni intencas foriri, demandas ĉu ni estas timemuloj. Oni vidas en iliaj okuloj signalojn nedubeblajn de terura malsano. Ni respondas nenion, sed ni eliras karesante la revolveron, ĉar ni timas ke iu el la multnombraj patroj de tiu familio preparas embuskon ».

# La Problemo de la katolika instruo en Ĥinujo

En la Bulteno de la Katolika Ĥina Junularo juna katolika hino raportas pri interparolado, kiun li havis en Romo kun Mgr. Tchao, unu el la ses nove konsakritaj ĥinaj episkopoj, kies bildojn ni publikigas ĉiapude. De maldekstre dekstren : Mgr. Tsu, Mgr. Hou, Mgr. Ĉen, Mgr. Ĉao, Mgr. Ĉeng, Mgr. Souen.

.... Mgr. Tchao prenis nian manon kaj invitis nin, sidiĝi en lia ĉelo por malgranda momento. En la mallonga interparolado, kiu sekvis, ni ĉefe parolis pri jenaj aferoj :

— Do depost nun, Via Moŝto, la konverto de nia lando rapide progresos !

— Ho jes ! Dio estu benata pro ĝi, kaj benata estu ankaŭ Nia Sankta Patro, kiu rigardas la malproksiman Ĥinujon per tiom patreca okulo ! En la momento, kiam la politikaj fortoj obstine volas meti nian patrolandon sub la influon de la civilizitaj nacioj, sola Lia Papa Moŝto metas Ĥinujon en egaleco apud la aliajn naciojn. Evidente tiu ago forte impresos tiujn el niaj samlandanoj, kiuj akuzas la katolikismon, ke ĝi estas instrumento de fremdlanda influo, kaj tiel faliĝos unu el la plej bedaŭrindaj antaŭjuĝoj.

— Oni diras, ke la ĥinaj katolikoj je la plimulto estas bonaj vilaĝanoj ne konantaj ĉiun modernan instruon ; ĉu tio estas vera ?

— Jes, miaj karaj infanoj, bedaŭrinde ĝenerale tio estas malfeliĉa realeco. Kaj ĝi estas unu el tiuj punktoj, kiujn la konscia misiisto de la estonto tute komence devos kuraci. Do pensu, ke ni katolikoj estis la unuaj, tute la unuaj, kiuj evoluigis la instruadon en Ĥinujo, kiuj malfermis lernejojn, eĉ lernejojn por knabinoj, kiam la mandarinaro formis la ekskluzivan centron de la idolanaj intelektuloj, kiam la virinoj ne devis scii nek skribi nek legi.

Hodiaŭ, kiam la laikaj lernejoj prosperas en tuta Ĥinujo, kiam la nivelo de la ĝenarela kulturo kaj de la scienca instruado leviĝas kaj gigantpaŝe progresas, ni ankoraŭ estas preskaŭ en la iama stato ; ekzistas ankoraŭ lernejoj, kies sola instruado konsistas el kate-



ĥismo, el vesper kaj mateno-preĝoj ! Serioza klopodo devas esti direktata, por plibonigi tiun situacion, se oni volas, ke la infanoj de la katolikaj familioj ne estu devigataj ricevi edukon en la ateistaj aŭ materialistaj lernejoj, kiuj jam minacas akiri la instrumonopolon. Amiko — li estis idolano — diris al mi iutage en tuta sincereco, ke la membroj de nia religio estas plej «plendindaj». «Vi ne havas homojn, li diris al mi, vi havas neniun por defendi vian doktrinon kaj viajn sanktajn rajtojn en ĉiuj laborkampoj. Rigardu la protestantojn, ili havas ĉie siajn homojn, kaj homojn, kies influo estas nediskutebla. Ekzemple imagu, ke klaslibro estu prezentata por aprobo al la Ministro de Publika Instruo ; la protestantoj povos tuj forigi la punktojn, kiuj ne plaĉas al ili, ĉar ili tie havas homojn ; kaj vi, vi lasas tondi vin kiel ŝafoj ! Rimarku bone, ke la libro unufoje aprobita devos esti uzata ankaŭ en viaj kristanaj lernejoj, eĉ se ĝi enhavus sakrilegajn eraroj kontraŭ la Eklezio de Dio ! Sed vi neniam havos influhavajn homojn, kiom longe vi ne faros seriozajn klopodojn por instrui la katolikojn ».

Tiu viro estis tute prava....

Do depost la komenco de sia pastreco Mgr. Tchao fiksis sian atenton sur la konfesan instruon. Li komencis instrui vesperkursojn, kiujn li baldaŭ transŝanĝis en taglernejon vizitatan de 250 lernantoj. Ŝarĝite je aliaj misioj, Mgr. - Tchao ne povis repreni sian agadplanon ĝis antaŭ tute mallonga tempo, kiam al li estas konfidita la direktado de katolika kolegio en Pekin, kiun li treege prosperigis. — Cetere Mgr. Tchao rigardas kiel tute providenca la agadon de la kara P. Lebbe, kiu evoluigas eliton de la ĥina junularo, kiu poste laboros en ĉiuj kampoj, same en la politika kaj administra kiel en la eduka kaj industria, por la gloro de Dio, por la disvastigo de la regno de la Eklezio. Mgr. Tchao permesos al niankaŭ, revenante en la agadkampon, kiu estos konfidata al li per la Providenco, organizi centron de kunagado kaj reciproka helpo de la katolikaj intelektuloj, kiu nun estas dissemitaj kaj izolitaj en plorinda stato.

Kia bela espero ĉe la horizonto !

JOSEPH CHEN.

## Dimacon 30an de Januaro 1927 Esperanto-tago en Elberfeld

Oni atentu sciigojn detalajn en la rubriko " Nia Movado ,, kaj en la anonca parto, p. 7.

# La lasta horo de Sankta Pankracio

Legendo de Ernst Görlich. ( Vien )
(El germana lingvo tradukis la aŭtoro

Ci tiu legendo estas el la libro **Gottes Jungvolk** » (La juna aro de Dio) de **Ernst Görlich. Eldonejo** : Österreichische Jugendgemeinschaft Vien, 3, Hainburgerstrasse, 20, (Aŭstrio). prezo : 50 aŭstr. gr., 35 germ. Pf.

Pankracio estis kaptita en la « carcer » de « Circus Maximus ». La feraj katenoj sonoregis sur liaj manoj kaj piedoj. Li genuis sur ŝtona tero kaj la vizaĝo estis levata al Dio. Tiel li preĝis.

Malhele estis en la karcero. Tra dikaj ŝtonoj ne penetris radio de la suno. Kaj tamen ĝi brulegis sur la cirkejon. Blankaj sunaj veloj estis tirataj tra la grandega konstruaĵo. Ridante sidis kapon post kapo en densaj aroj la popolo de Romo, atendante la ludojn, kiujn festis la Aŭgusto potenca Diokleciano. Ĉar dudek jaroj estis hodiaŭ, ke la volo de la legionoj mizeran sklavidon ilirikan al trono de la Cezaroj levis.

Pankracio genuis en granda aro da akompanantoj : maljunegaj pastroj kun arĝentaj haroj, viroj fortegaj, senatoroj, idoj de herooj, kiuj kunreĝis tra centjaroj la historion de Romo, infanoj, kiuj plorante apogetis sin ĉe siaj patrinoj, delikataj knabinoj kaj virinoj, kiuj montris en siaj vizaĝoj grandegan doloron, sed pli grandegan ĝojon.

Pankracio preĝis. Nenion de ĉio, kio ĉirkaŭ li estis, li vidis. Kaj en lia spirito horo montriĝis, ĉe kies memoro li ploretis malĝoje. Liaj manoj kaptitaj ŝlosiĝis unu en la alian : Li aŭskultis voĉon parolantan al li : « Pankracio, mi iros al la paradizo. Estu vi la konsolo de via patrino kaj la apogo de ŝia maljuneco. Gardu vi al Dio ĉiujn tagojn de via vivo ! »

Tiam li sentis kison aman sur sia frunto. Kaj mano karesis benante tra liaj bukloj krispaj. En la cirkejo kriegis la homoj. Sanga kadavro kuŝis en lia sino. La patrino ĉestaris. Zorgeme ŝi subakvigis sian ŝvitotukon en la sangon fluantan...

Pankracio palpis ĉe la koron. Tie kuŝis la trezoro. Siajn manojn li volis etendi. Nun la katenoj sonoregis. Kaj la fantomo cedis al la ombroj de morto nuna. Ne estis fantomo — la horo estis venanta !

La pordoj de la karcero malfermiĝis. La mortontoj rigardis la arenon sablan. Kontraŭe sidis la cezaro purpurbrilanta. Nun li sin eklevis. La sceptro flugetis dum momento en la aero poste, ĝojegis la trumpetoj tra la cirkejo : la festo komenciĝis.

La karcerestroj eniris. Ili forprenis la katenojn de la kaptitoj. Tiam ili pelis la kondamnitojn per batoj de skurĝoj en la arenon. Pankracio ekstaris libere. Li sin turnis al aliaj. Jam li piedpremis sur sablo, mortonte. Subite li sentis manon sur sia ŝultro. Li sin returnis.

Antaŭe staris la prefekto de la pretorianoj. Lia ora kiraso skvama brilegas kiel infera vervo. En la mano li portis la kaskon. Nigraj bukloj estis en lia malhela frunto.

Kaj li komencis : « Sidiĝu, knabo. Mi venas en la nomo de la Cezaro. »

Pankracio obeis. La alia eksidis ĉe li plej proksime.

« La cezaron malĝojigas via malforta juneco. Li volas vian feliĉon. Vi refuzis ĝin kaj vi nun estas kondamnita. Kaj tamen min sendas Diokleciano al vi. Ankoraŭ unufoje li alportos al vi sian favoron. »

Pankracio sincere rigardis la prefekton :

« Mi dankas Cezaron pro lia favoro. Li zorgis pli multe pri mia feliĉo ol mi. Tamen mi ne akceptos lian favoron, ankaŭ nun ne ! »

La prefekto silentis dum momento.

« Diokleciano esperis, ke la turmento de la karcero kaj la timo de la morto rompos la rigidecon de knabo. »

« Ankoraŭ pli grandega ol timo morta estas timo peka ». Pankracio ekvidis al ĉielo.

La alia prenis la manon de la knabo en sian :

« Kaj tamen la Cezaro volas doni al ĉion,

# LA DEZIRO DE LA JARCENTOJ

« L'Osservatore Romano » la duonoficiala organo de la Vatikano, salutis la konsakron de ses ĥinaj episkopoj per jena artikolo :

La novaj ĥinaj episkopoj estas inter ni, en tiu Romo « Louo-Ma-fu » tiom ofte nomita per ili kun profunda respekto kiel la sidejo de la Sankta Patro, de la « Kiao-hoa-koang », kiu en la okuloj de la ĥinaj kristanoj kaj pastroj estas vere io Dia sur la tero. Ili estas inter ni, kaj oni povas imagi la entuziasmon, la scivolemon, kun kiu miloj kaj miloj, milionoj da ĥinaj buŝoj kristanaj kaj eĉ idolanaj nun ripetas kun evidenta plezuro tiujn du nomojn : Louo-Ma-fu, Kiao-hoa-koang.

Tio estas okazaĵo unika kaj eksterordinara por Ĥinujo, tio estas okazaĵo por la tuta Eklezio de Kristo.

Hodiaŭ pli ol iam, estas certe oportune, antaŭ ĉi tiuj evidentaj efikoj de la providencia Encikliko « Rerum Ecclesiae », rememori en grandaj linioj, kion la Sankta Seĝo faris en la pasinteco por la evoluo de la katolika kredo en Hinujo.

Kvar jarojn nur post la fondo de la Sankta Kongregacio por la Propagando de l'Kredo (Propaganda Fidei), oni trovas, en la jaro 1626, leteron datitan de la 11 novembro, adresitan al la episkopo de Japanujo, rezidanta en Macao ; ĝi admonis lin, akcepti en ordenojn kaj pastrecon la japanojn, kiujn li trovus necesaj kaj kapablaj.

En 1630, la 28 novembro, la S.C.P.F. ripetas la saman admonon por Hindujo kaj citas la samajn kaŭzojn, kiujn alportis Benedikto XV-a kaj Pio XVI-a : ĉar tiel faris sendube la Apostoloj kaj la Episkopoj de la Primitavia Eklezio ; ĉar la indiĝenoj ĝuas pli ĉar ili konas pli bone iliajn lingvon, kutimojn sentojn.

En 1659, kun volita singardemo, la sama sankta Kongregacio manifestis sian aprobon por la ebleco, ke iu inter la indiĝenaj pastroj estu konsiderata inda de la episkopeco.

En 1678, la 7 aŭgusto, la S. Kongregacio respondis al la Apostola Vikario de Tonkin, permesante al la indiĝenaj episkopoj la uzon de la pontificaj kaj aliaj prerogativoj (privilegioj). Kaj mallonge poste, la 27 januaro 1687. en dokumento adresita al Apostostolaj Vikaroj de la sama regiono, ni legas : « Inter la ĉefzorgoj de la S.C.P.F., la konservo de la paŝtistoj en la malproksimaj regionoj superas ĉiujn aliajn. »

Sed antaŭe ankoraŭ ni havis la papajn Konstituciojn « In Excelsa » kaj « Speculatores » de Klemento IX-a (23 sept. 1659) kaj la alian de Klemento X-a (23 déc. 1673) « Decet Romanum Pontificem », kiuj proklamas ĉiuj en la sama maniero, ke la apostolaj episkopoj estas sendataj al Ĥinujo « eo potissimum fine », ĉefe por tiu celo, ke ili formu la indiĝenan pastraron kaj ke, kiam la kredo kaj la nombro de la kredantoj kreskas, ili starigu la indiĝenan eklezian hierarkion. Cetere Inocento XI-a jam donis plenan potencon al siaj delegatoj kaj al la episkopoj de Heliopolis kaj de « Beritense », devigi, eĉ kun punoj la Apostolajn Vikariojn, instrui siajn indiĝenojn, por prepari iom post iom la vojon al la starigo de indiĝenoj episkopoj, kiel oni faris alie.

En la sama senco estas komprenataj la Brevoj de Klemento XI-a « Dudum Felicis » (7 déc. 1702), la Dekreto de Klemento XII-a (6 aprilo 1736), la parohaj konstitucioj de Benedikto XIV-a, la Encikliko de Pio VI-a (10 majo 1775) kaj la dekretoj kaj instrukcioj, kiujn Gregoro XIV-a eldonis pere de la S.C.P.F.

Estus utile relegi tiun admirindan instrukcion de la 23 novembra 1845, en kiu estas reprenata en instrua maniero la tuta tradicio de la Eklezio, por pruvi, ke ekzistas du ĉefaj kaj necesaj iloj por propagandi kaj organizi la katolikan religion : indiĝena pastraro kaj indiĝenaj episkopoj. Sed Gregoro XVI-a en tiu instrukcio konstatas kun bedaŭro, ke malgraŭ la daŭraj klopodoj de la Sankta Seĝo la sukceso ne respondis al tio, kion li prave promesis al si, speciale en Ĥinujo.

Depost tiu momento multaj jaroj pasis, kaj la papoj neniam ĉesis ripeti la admonon.




**Diocesa Karto de la ses ĥinaj episkopoj**

Sed kial rememorigi ĉiujn Konstituciojn, Dekretojn, Instrukciojn de la diversaj papoj?

Nek Leono XIII-a nek Pio X-a, nek Benedikto XV-a havis la ĝojon povi saluti tion « novan epokon ». La granda ĝojo realiĝas al la Sankta Patro Pio XI glore reganta, al la « Papo de la Misio ».

Kaj ni dediĉu al tiaj novaj ĥinaj episkopoj la liturgian deziron « ad multos annos». Kaj al la gratuloj, kiuj ni adresas al ili, ni donu la deziron, ke baldaŭ aliĝu multaj aliaj kunfratoj en la episkopeco por la plej granda bono de tiu kara kaj vasta Ĥinujo !

## Abonprezoj por la jaro 1927

| | | | |
|---|---|---|---|
| Anglujo | 1 s | Hungarujo | 1,2Pen. |
| Argentino | 0.75 po | Italujo | 5 lir. |
| Azio | 1 s | Japanujo | 1 s. |
| Aŭstralio | 1 s | Jugoslavujo | 15 din. |
| Aŭstrujo | 1.7 s | Latvujo | 1 s. |
| Belgujo | 1.7bel. | Litovujo | 2.5 lit. |
| Brazilio | 2 mr | Luksemb. | 6 fr. |
| Bulgarujo | 30 lew. | Meksiko | 0.25 d. |
| Ceĥoslovakujo | 7 kĉ | Nederlando | 0.7 fl. |
| Centra Ameriko | 0.25 dol | Polujo | 2 Zl. |
| Danujo | 1 kr | Portugalujo | 4 esc. |
| Danzigio | 1 s. | Rumanujo | 40 lei |
| Francujo | 6 fr. | Svedujo | 1 kr. |
| Germanujo | 1 RM | Svisujo | 1,25 fr. |
| Grekujo | 18 draĥ | Usono | 0.25 d. |
| Hispanujo | 1.5 pes. | | |

**Ciuj prezoj estas kvaronjaraj kaj pagotaj antaŭe.**

---

kion li povas : riĉecon, honoron, gloron. Li vin volas eduki kiel filon propran. Kiam vi estos granda, certa estos al vi la ĉefeco de la armeo aŭ la krono de la kunreganto. »

La knabo rifuzis :

« Min ne incitas ĉiuj aĵoj teraj ! Al mi donos la Sinjoro pli multe ol al mi donus ĉiuj princoj de tiu ĉi mondo !«

La prefekto rigardis Pankrcaion pikante :

« Eble la Cezaro havas ion kion ne povas doni via fantoma kredo. Ĉe la bordoj de la Kampanio, ĉe la montaro de Mizeno estas konstruataj belegaj kampodomoj. Tie reĝas eterna printempo. Forprenu vi ĉiujn, se al vi ili plaĉas. Cezaro donos ilin al vi. Kaj kun ili li donos la ĝojon, havigos al vi la plej belajn sklavinojn de lia moŝto. Kun sonorego de flutoj, kun centjara vino Falerna, kun danco de la knabinoj vi travivos vian junecon ! »

Pankracio ne respondis.

« Mi vin komprenas, knabo ! Ĝis hodiaŭ vi estis infano, infano naiva. Vi ne konis la incitojn de la mondo. Nur pro tio vi sekvis la malhelan kredon fantoman. »

La knabo sin eklevis rapide :

« Mi ne scias, pro kio la Cezaro tiel zorgas pri mia feliĉo. Mi ne volas ne, mi ne volas ! »

Ankaŭ la prefekto sin levis. Plej proksimen ĉeirante li siblis : « La potinca Cezaro estas pli granda ol vi kredas, knabo. Li vin punos tiel, ke trafos vin peze. Li scias, ke vi ne timas la morton. Pro tio vi ne mortu, vi vivu en malhonoro ! Vi rifuzis la favoron de la Cezaro. Sed antaŭ ol la ludoj estos festitaj oni vin transdonos al sinjoro kiel sklavon, antaŭ kiu vi tremegos, eĉ se li venas karesante. Kaj vi devos obei ! »

Pankracio komprenis. Prenante li ŝlosis la manojn unu en la alian kaj balbutis : « Kaj Diokleciano ekfaros ĉi tiun fiagon ? »

La prefekto rigardis lin ridetante : Pro tio la donas al vi sian vorton Cezaran. — Per la mano li montris en la cirkejon, kie la lastaj mizeruloj malesperante batalis kontraŭ la leonoj — ĉu vi ekvidas tie la blankajn korpojn, dispecigitajn kaj disŝiritajn ? Ili estas mortaj kaj vi kredas, ke ili estas nun en la paradizo. Sed vi vivos, vi vivos kun junbelega korpo, por neniam eniri en la paradizon. »

Pankracio ploregis. Lia tuta korpo tremetis sub la timo de lia ĉasta animo. Li ekparolis : «Tamen mi ne povas vin perfidi, amikoj ! »

La prefekto sin klinis al la knabo. Lia spiro tuŝetis la vizaĝon florantan kaj du demonaj okuloj sin boris en la okulojn knabajn :

« Diokleciano ne volas, ke vi perfidu vian kredon. En la imperio de Romo ĉiu kredo povas ekzisti».

Pankracio ekvidis mirigite :

« Pro kio nin li persekutas ? » — La tentanto ne atentis la demandon. Li karesis la buklojn de la knabo :

« Vi montru nur, ke vi obeas al la Cezaro. Donu vi incenson al lia bildo, poste vi estos libera. »

Kaj maleaŭte li alparolis :

« Tio ne estas perfido de kredo. Pura komedio sen enhavo ! Kelkiu faris tion kaj restis fidela al sia kredo ».

Pankracio hezitis. La turmenta dubo malheligis lian vizaĝon. En konvulsio li tenis la manojn sur la koro. La alia lin ekvidis embuskeme :

« Via sinjoro vin atentas, knabo ! »

Sur la frunto de Pankracio montriĝis peza mieno. Lia okulo vidis teren, kiam li parolis :

« Mi obeos al la Cezaro ! »

Rido demona montriĝis sur la lipoj de la prefekto. Li tenis la manojn de la knabo. Tiam li retiriĝis ! Ruĝa sango defluis tra la vstaĵo de Pankracio al la tero. Ankaŭ la knabo rimarkis ĉi tion kaj li forĵetis lin forte. Fera decidemo estis legebla sur la vizaĝo infana : « Foriru vi, tentanto ! La Sinjoro estas kun mi ! Li min protektos ! »

La knabo premis la maldekstran sur la koron kaj per la dekstra brako li faris la signon de la kructo.

Polvaro lin ĉirkaŭis. Kiam la ekvido aperiĝis, la alia estis malaperinta. Nur en la tero montriĝis du grandegaj piedpremoj kiel piedpremoj de grandegaj ĉevaloj.

Nun genuis Pankracio kaj dankanta li preĝis al la Sinjoro de la ĉielo. La ŝvitodrapon patrinan li premis al la lipoj. Sango fluanta estis ĉesinta. Ree kriegis la leonoj en la cirkejo kaj la trumpetoj sonoregis.

Sola eniris Pankracio la arenon. La popolo miris. La forta knabo plaĉas al ĝi.

Meze en la tero sanga, kie antaŭ tri jaroj la patro staris, staras Pankracio. Siajn brakojn li levis al la ĉielo kaj lia vizaĝo similis al vizaĝo anĝela. Kaj liaj lipoj murmuris. «Ho, patro, mi venos ! »

Poste sin ĵetis al li la leonoj.

# Eklezia Revuo

## Mallongaj Katolikaj Sciindojoj )

### AMERIKO

*La amerikaj katolikaj universitatoj* aranĝis Edukan Semajnon en Washington, 7-13 nov.; la ĉeftemoj estis : eduko kaj religio, la amerika Konstitucio kaj la patriotismo, la kateĥistoj, la paroĥaj lernejoj, korpa saneco kaj moralo, duagradaj lernejoj kaj kolegioj.

**La manko de indiĝenaj pastroj en Sudameriko** estas grandega. Ekz. por 13 milionoj da animoj en la nordaj ŝtatoj de Brazilio ekzistas nur 1000 Indiĝenaj pastroj.

### ANGLUJO

*La Katolikaj Virina Ligo de Anglujo.* («Catholic Women's League ») havis sian jarkunvenon en London, 22 nov., sub prezido de Mgr. Butt, titola episkopo de Camby-sopolis kaj helpepiskopo de Westminster. Oni elektis prezidantino de la Ligo Miss Kathleen Balfe ( Eble vi memoras, ke ŝi en la IKA-kongreso de Oxford estis unu el la prezidantinoj de la Virina Conferenco !) Oni aŭdis raportojn pri skoltismo de junulinoj, pri la Unuiĝo de Katolikaj Patrinoj kaj pri la knabina lernejo de Bethlehem fondita per la Ligo en Palestino sub la angla mandato.

*La anglikana eklezio* havis sian lastjaran kongreson en Southport, 4-7 oktobro ; kelkaj episkopoj kaj la plimulto de la kongreso ne plue rekonas kiel kredartiklon la ekziston de la infero.

**Societo de Joannes Chrysostomus** fondiĝis en London sub prezido de Kardinalo Bourne. Celo estas la agado por la reunuigo de la orientaj eklezioj kun Romo. Fine de oktobro okazis en Romo tiel nomata Orienta-Liturgia Semajno por plibonigi la komprenon de la anglaj katolikoj pri la orientaj liturgioj. En la malferma kunveno parolis Kardinalo Bourne kaj Mgr. d'Herbigny S. J., direktoro de la Papa Orienta Instituto en Romo.

### AZIO

*En Hindujo* depost novjaro 1927 aperas nova ĉiutaga ĵurnalo de la Katolika Unuiĝo de Bengalujo « Catholic Herald of India ».

**Pri la ses novaj ĥinaj episkopoj** ni jam raportis. La unua ĥina indiĝena episkopo estis Mgr. Lo O. P. (nomita Lopez) naskiĝinta 1616 en Fokien, apostola vikario de Nankin, episkopigita la aprilo 1685 en Macao kaj mortinta la 27 februaro 1691 en Nankin.

**La katolikaj ordenoj kaj kongregacioj en Ĥinujo.** 16 viraj ordenoj administras Ĥinujon. Jen iliaj nomoj kaj la nombro de la teritorioj administrataj :

Missions Etrangères de Paris » 14 vikariejoj,
Lazaristoj, 11 vikariejoj,
Franciskanoj, 10 vikariejoj, ( 5 italaj, 1 belga, 1 hispana, 1 germana, 1 franca, 1 nederlanda), 3 prefektejoj (1 itala, 1 amerikana, 1 indiĝena),
Ŝeŭtistoj, 4 vikariejoj, 2 prefektejoj,
Eksterlandaj Misioj de Parma, 4 vikariejoj,
Dominikanoj, 3 vikariejoj, 1 prefektejo,
Patroj de la Dia Vorto (Steyl), 2 vik.: 1 pref.,
Kapucinoj, 1 vik.,
Eksterlandaj Misioj de Romo, 1 vik.,
Ordeno de Sankta Aŭgusteno, 1 vik.,
Salesanoj, 1 vik.,
Instituto de Sankta Kolumbano, 1 pref.,
Pasionistoj 1 pref.,
Pikpucianoj, 1 pref.,
Patroj de Maryknoll, 1 pref..

### FRANCUJO

**Kateĥisma instruo per filmo** estas provita en Francujo. Oni preparis dek filmojn, kiuj bezonas po 40 minutojn da prezenta tempo. La filmoj pritraktas la sep sakramentojn kaj la sanktan sonme.

**Speciala fakultato por katolika ĵurnalistiko** nun ekzistas ĉe la katolika universitato de Lille (Francujo). La studoj daŭras tri jarojn. La programo enhavas krom la ĝenerale klerigaj fakoj intelektan, moralan kaj religian edukon kaj teknikan-administran preparon.

Laŭ nova alvoko de generalo Castelnau la « *Fédération Nationale Catholique* » jam havas dil ol 2500.000 anojn.

*La francaj ĉefepiskopoj kaj episkopoj* kunvenis en Paris 23-24 nov. por ĉefe pritrakti la protekton de la katolika instruado.

En Soissons okazis la unua kongreso de la *Federacio de la Paĝioj de Kristo* kaj de la Kavaliroj de l'Kruco, sub prezido de Mgr. Binet.

En Montpellier okazis la 14 nov. *katolika kongreso*. La komunistoj aranĝis kontraŭ-demonstracion. Rezulto : 6 arestoj.

En Paris estis 26-22 nov. la « *tagoj de la familio* ». La Katolika Asocio de la Ĉefoj de Familio kunvenis, oni protestis kontraŭ la ofensivo de la laika lernejo kaj postulis la unuecan fronton por la libereco de la instruado.

### GERMANUJO

*En la du plej grandaj stacidomoj de München* nun en ĉiuj dimanĉoj kaj eklezíaj festoj okazas du katolikaj diservoj en la atendosalonoj je 3.30 h. kaj 4.00 h. frumatene, por ebligi al la katolikaj vojaĝantoj aŭskulti mezon. La spertoj estas bonaj.

### HOLANDO

*La papo kaj la katolikaj lernejo*, okaze de aŭdienco de la holanda prelato Mgr. D-ro Schrijnen, profesoro de la Universitato de Nijmegen la papo laŭdis la katolikan lernejoorganizaĵon de Nederlando kaj ĝian centrejon en 's Grevenshaage, kaj diris, ke laŭ Lia opinio ĝi estas « la plej bona, kiun Ni konas ».

### ITALUJO

**La Itala Federacio de Katolikaj Viroj** havis sian kongreson en Romo. Tie la Sankta Patro faris paroladon, esprimante sian ĝojon pri la sukceso de la asocio, kiu kreskis de 7000 membroj en la jaro 1923 al 40000 membroj de la nuna jaro ; li esperas, ke baldaŭ la nombro estos 400.000. Li poste speciale avertas ke oni ĉiam bone disigu la katolikan agadon de la politiko.

**La itala registaro** publikigis severajn dekretojn kontraŭ la obscena gazetaro kaj kontraŭ ĉiaj nemoralaj broŝuroj, revuoj kaj bildoj.

**Por la riparo de la Basiliko de Sankta Paŭlo en Romo** la itala registaro disponigis 3.300.000.

### POLUJO

*La polaj protestantoj* havis la unuan kongreson de ĉiuj « eklezioj » kaj sinodoj en Wilno, 9-11 nov. Oni klopodos unuigi la protestantajn kultojn en la lando kaj decidis fiksigi ĉe la Reformacia Monumento en Genève ankaŭ plakon portantan la nomojn de la plej famaj polaj reformaciuloj.

### SVISUJO

**La 4-a Katolika Gazetara Tago de Svisujo** okazis fine de oktobro en Sursee. Tie kunvenis samtempe la asocioj de la katolikaj ĵurnalistoj kaj verkistoj kaj de la katolikaj eldonistoj.

*La katolika universitato de Friburg en Svisujo* estas sendube unu el la plej bonaj laŭ ĉiuj vid punktoj. Laŭ profesoroj kaj studantoj ĝi estas vere internacia. En la nuna vintro ĝin vizitas 624 studantoj : 259 en la teologia, 155 en la jura, 113 en la filozofia kaj 97 en la naturscienca fakultato. Jen la statistiko laŭ la nacioj de la studantoj :

| | | | |
|---|---|---|---|
| Svisujo | 373 | Luksemburgo | 3 |
| Francujo | 62 | Belgujo | 2 |
| Germanujo | 44 | Kanado | 2 |
| Usono | 31 | Portugalujo | 1 |
| Nederlando | 28 | Rusujo | 1 |
| Grandbritujo kaj Irlando | 15 | Lichtenstein | 1 |
| Polujo | 14 | Danujo | 1 |
| Jugoslavujo | 11 | Bulgarujo | 1 |
| Hispanujo | 7 | Turkujo | 1 |
| Italujo | 7 | Ĉilio | 1 |
| Aŭstrujo | 6 | Kolombio | 1 |
| Litovujo | 6 | Japanujo | 1 |
| Hungarujo | 4 | | |

### PERSONAJ SCIIGOJ

*La episkopo de Scranton (Usono).* Mgr. Michel Hoban mortis la 13 nov., 73-jara.

*P. Heinrich Abel S. J.* mortis en Wien ( 23 nov. ), 83-jara. Li batalis kontraŭ la movado « Los von Rom » 1891-97 kaj por la triumfo de la kristana-sociala partio kaj de D-ro Lueger en Wien; li organizis multajn pilgrimojn al Maria-Zell.

La episkopo de Dijon Mgr. Landrieux mortis en Paris la 11 déc.

*En Barbastro* (Hispanujo) mortis Mgr. Emile Jiménez y Pérez, titola episkopo de Anthedon kaj apostola administranto de Barbastro 63-jara,

*En Paris* alvenis la 3 nov. la nova apostola nuncio Mgr. Louis Maglione, titola ĉefepiskopo de Cesarea en Palestino kaj ĝis nun nuncio en Svisujo.

*En Zagreb* oni inaŭguris en novembro monumenton por Mgr. Josip Juraj Strossmayer (1815-1905). Li estis episkopo de Djakovo kaj apostola administranto de Beograd, fondis multajn lernejojn, seminarion, slavan akademion en Zagref (Agram), universitaton, estis ĉefo de la Kroata Nacia Partio en la Aŭstra-Hungara Imperio. En la Vatikana Koncilo li estis unu el la ĉefoj de la opozicio kontraŭ la proklamo de la papa senerareco, sed poste submetis sin.

**Jules van den Heuvel mortis.** 72-jara la 23 okt. Li estis profesoro de juro ĉe la katolika universitato de Louvain, 1899-1907 Ministro de Justeco, 1915-1919 delegito de Belgujo ĉe la Vatikano, 1919 subskribinto de la kontrakto de Versailles.



# Leterkesto

**Al kelkaj gesamideanoj en Aŭstrujo.** Koran dankon pro viaj bondeziroj kaj akurata pago.

**Gefratoj Cox, Melbourne.** Dankon kaj saluton Libroj menditaj estas forsenditaj jam en Decembro. Esperanto-Biblio katolika ne jam aperis.

**Niaj gelegantoj belgaj kaj italaj** povas nun pagi per poŝtĉeka konto. Pagilo estas aldonita al la nuna numero. La abonprezojn oni vidu en la speciala rubriko.

**Polujo.** Viaj bondeziroj kaj salutoj ĝojigis in multe. Bonvolu daŭrigi viajn klopodojn. En aŭgusto ni espereble interkonantiĝos kun vi. Nia kunredaktoro Kaspar Mayr jam je Pasko vizitos kelkajn urbojn kaj grupojn en Polujo.

**Niaj abonantoj svitzerlandaj** estas petataj, pagi la abonmonon provizore je la poŝtĉeka konto de nia samideano *Kostezer*, St. Gallen, pere de la aldonita pagilo.

**Ĉiuj gesamideanoj**, kiuj deziras leteran respondon, aldonu respondkuponon aŭ sendu respond-poŝtkartojn, haveblajn ĉe ĉiu poŝtoficejo.

**Juna Batalantino.** Ni forte ĝojas, ke la lasta Batalanto trovis vian plenan aprobon. La proksima J.B. eliros verŝajne kune kun la februara numero de KM.

**Fino B.** Yes, bonajn fotografaĵojn ne jama, represitajn ni volonte akceptas.

**Niaj germanlandaj legatoj** estas petataj pagi la abonprezon per la pagilo aldonita Tio ĉi ne rilatas al abonantoj jam pagintaj

# Recenzejo

*Ĉiuj libroj recenzitaj en K. M. kaj ĉiuj aliaj Esperanto-libroj kaj katolikaj verkoj en naciaj lingvoj estas haveblaj per la eldonejo «KATOLIKA MONDO», LIBREJA FAKO, ELBERFELD, Germ. Samideanoj, aĉetante librojn, subtenu VIAN gazeton!*

**Respondoj al kontraŭreligiiaj paroloj.** De Mgr. *de Ségur*. Laŭ la germana traduko de P. Henriko *Müller*, S.V.D. (12-a eldono) esperantigis *D-ro Adolfo Halbedl*. Graz 1925. Presita kaj eldonita ĉe « Styria », universitata presejo kaj eldonejo. 5.5o aŭstr. ŝil., 4.15 sv. fr. XII + 212 pĝ.

La nombro de la katolikaj verkoj en Esperanto ne estas granda. Jen eminenta libro defendanta la katolikan religion. Ĝi en havas la aldonojn de la germana traduko de P. Müller kaj estas multe pli ampleksa ol la franca originalo. Lingvaĵo bonega. Estas honora devo de la katolikaj Esperantistoj aĉeti katolikajn librojn, precipe se « neŭtralaj » Esperanto-eldonejoj kaj gazetoj provas ignori aŭ bojkoti ilin!

**John Ruskin, La Reĝo de la Ora Rivero** aŭ la nigraj Fratoj. Tradukis Ivy Kellermann. Esperanto-Eldonejo Ellersiek und Borel, Berlin und Dresden. Prezo 0,40 R. M.

Malgranda ĉarma rakonto, facile komprenebla kaj tial rekomendinda speciale por komencantoj

**Rauschen**, † Dr. Gerhard, *Grundriss der Patrologie*, 8-a kaj 9-a, nove prilaborita eldono. (15-17-a miloj). 12° (XX + 484 pĝ.) Freiburg i. Br. 1926, Herder. Pr. 8.60 M.; tolbind. 10.-M.

Volumo el bonega kolekto « Herders Theologische Grundrisse ». En leksikona stilo mallonga kaj tamen detala klarigo de la libroj de la eklezaj patroj kaj iliaj instruoj. Rekomendinda ne nur al pastroj kaj teologistudentoj, al ĉiuj interesitaj pri la primitiva eklezio!

**Gvidfolion tra Dresden** eldonis la Loka Societo Desden en Esperanto. Krom bela vidaĵo de nia urbo ĝi enhavas ĉian sciindaĵon pri la ĉefurbo de Saksujo kaj certe multe propagandos en-kaj eksterlande. Laŭdezire ni ĝin senpage sendos al interesuloj de nia oficejo: Deutscher Esperanto-Bund E.V. Dresden A. 1. Struvestr. 40.

**L'Araldo Esperantista.** Nova Esperanto gazeto por italaj lingvanoj. Aperas en Arrezo (Italujo), Strato Vittorio Veneto.

**Esperanto - Krestomatio.** Unua legolibro, verkita de instruisto Taŭbmann, ŝtate ekzamenita Esperanto-instruisto. Eldonejo de Marto, Esp. - Verlag Gmb H. Haida (Bohemio). Libreto tre rekomendinda, precipe por kursanoj. Prezo: 6.-Kĉ.



# La Filipinoj: malprogreso de katolika lando

Mgr. *O'Doherty*, ĉefepiskopo de Manila, publikigis en la « Ecclesiastical Review » de Philadelphia artikolon pri la stato de la katolikismo en la Filipinaj Insuloj. Jen resumo de tiu artikolo laŭ la « Revue Catholique des Idées et des Faits ».

Ĝenerale oni tro malmulte interesiĝas pri la sorto de la «Perlo de l'Oriento», kvankam ĝi meritus sendube la plej grandan atenton de ĉiuj katolikoj: La Filipinaj Insuloj nombras dek milionojn da katolikoj kaj de ĉi tiu vidpunkto do okupas la sepan lokon inter la nacioj de la mondo.

La Insuloj estis pli ol tricent jarojn hispana kolonio. Oni ne povas nei, ke sub la hispana regado la Eklezio laŭ religia kaj kultura vidpunkto tie realigis vere brilan laboron. En Hindujo nur ekzistas 2 milionoj da katolikoj, en Japanujo 50.000, en Ĥinujo 2 1/2 milionoj, sed en la Filipinoj la tuta loĝantaro akceptis la kristanismon en konscia kaj konvinkita maniero. La insularo estis kovrita de preĝejoj kaj lernejoj; ĉio ŝajnis bonege prosperi. Sole la *indiĝena pastraro* estis ne ĝuste atentata. Ja ekzistis kelkaj filipinaj pastroj, tre malmultaj, sed la hispana administrado nur malmulte konfidis ilin kaj malhelpis ilian karieron. La cirkonstancoj venĝis sin!

Kiel en la plimulto de la kolonioj atingintaj sufiĉan gradon de evoluo, liberiĝa movado — cetere kuraĝigita per la framasonaro — naskiĝis inter la indiĝenoj. Ĝi fariĝis evidenta revolucio, kiam la hispanoj ekzekutigis la popularan kaj respektitan filipinan ĉefon José Rizal.

Tio donis al la Unuigitaj Ŝtatoj de Ameriko okazon interveni. Ili ne nur celis okupi la naturajn riĉaĵojn de la insularo: ili ankaŭ bezonis apogopunkton en la Pacifika Oceano por defendi sin kontraŭ eventuala atako de Japanujo.

La novaj konkirantoj havis antaŭ si facilan taskon. Kiam la Filipinoj estis submetitaj, ili montris sin kiel inteligentaj koloniigantoj, volantaj certigi al si la simpation de la indiĝena loĝantaro. Ili kredis plej bone atingi tion, incitante ĉiamaniere la malamon kontraŭ ĉio hispana. Kaj ĉar la ĉefoj de la liberigo estis ĝenerale malamikoj de la Eklezio, rezultis, ke la nova filipina registaro pruvis ankaŭ kontraŭkatolikajn tendencojn.

Oni identigis «katolika» kaj « hispana». Sub la preteksto forigi ĉiujn postsignojn de la hispana regado, oni vigle atakis la katolikismon. Cent hispanaj pastroj estas elpelitaj el la insuloj. Pli poste la amerikanoj rekonis, ke ili estis malpravaj. Jam estis tro malfrue. Skisma nacia Eklezto fondiĝis sub direkto de renegata pastro Aglipay. Ĉi tiu konsakrigis sin episkopo kaj profitante la unuan surprizon eĉ sukcesis kunigi en sia «eklezio» du milionojn da filipinanoj. La plimulto tamen revenis, forlasante la skismon.

Tamen la situacio de la katolika Eklezio en la Filipinaj Insuloj fariĝis plej mizera. La malmultaj filipinaj pastroj neniel estis preparitaj al sia misio. Ilia nombro estas tute nesufiĉa, kaj la plej multaj parohoj terure suferas pro manko de pastroj

Hodiaŭ ankoraŭ la kredantoj alkroĉas sin kun amo al la religio kaj al la Eklezio. En la festotagoj ili kunvenas en la preĝejoj sen pastroj, ili preĝastie, ili kantas religiajn kantojn, ili formas procesiojn, ili honoras la sanktulojn.

En precipe solenaj tagoj ili faras longajn vojaĝojn por vidi la «Padre», aŭskulti la meson kaj komuniiĝi — almenaŭ unufoje en la jaro. Precipe bedaŭrinda estas la situacio de la infanoj, al kiuj mankas la religia instruo.

Alia aspekto de la problemo: La amerikanaj protestantoj venis en la insulojn post la okupantoj. Nun ili estas plene subakvigintaj la landon.

Ĉie fondiĝas protestantaj lernejoj, « Bible Societies » kaj diversaj institucioj de Y. M. C. A. (protestantaj junulunuiĝoj). Malfeliĉe tiu laboro ne restas senfrukta: la amerikana protestantismo trovas riĉan rikolton en la Filipinoj. La aŭtoritato, kiun ĝuas en la insularo la anglosaksa mondo kaj la tekniko de la Nova Mondo, favore influas tiun rezulton.

Konkludo: En tiu bela katolika lando la kredo povos daŭre ekzisti nur, se krom la sennombraj protestantaj predikistoj, kiujn tie elverŝas Ameriko, katolikaj pastroj kaj laikaj apostoloj venas tien grandnombre por okupi la lokon, kiun iam havis la hispanoj.

En la lastaj tempoj la religia fervoro de la amerikanaj katolikoj kreskis en ĝojiga mezuro. Oni povas esperi, ke ĝi agos por reteni en la katolika mondo tiun solan katolikan landon de trema la Eks-Oriento.



## Silab-enigmo

a, ba, bro, ĉe, do, e, go, I, is, jo, ka, lip, lu, mo, na, no, no, nol, nun, po, Raj, ri, so, ta, vem, zo.

El la supraj 26 silaboj formu 8 vortojn, kies unuaj kaj triaj literoj de supre malsupren legitaj prezentos aktualan deziron. La 8 vortoj signifas: 1. sudfrukto, 2. malbona eco. 3. monato, 4. vira antonomo, 5. lando. 6. grupo, 7. biblia parto, 8. adverbo.

Solvoj en la februara numero.

## La azeno kaj la lupo

Azeno renkontis malsatantan lupon kaj diris: Kompatu min, mi estas bedaŭrinda malsana besto. Vidu nur, kian grandan dornon miempuŝis en la piedon! Vere, mi bedaŭras vin kaj mi rigardas min devigata en mia konscienco, ke mi liberigu vin de tiaj doloroj, respondis la lupo kaj — dis ŝiris la azenon.

(El « Garboj » de Tauchmann).

# Nia Movado

De nun ni publikigos sub tiu ĉi titolo ankaŭ mallongajn notojn pri kunvenoj, kursoj, grupa laboro ktp. Sed ni petas niajn kunlaborantojn sendi al ni nur malgrandajn raportojn enhavantajn la efektve sciindaĵojn, ne klubsciigojn.

*ESSEN*. La aŭtuna konferenco de Ika la 17 oktobro estis granda sukceso. Neniu loko plu estis libera en la kapelo dum la Esperanto-diservo de kaplano *Wachowski* (Elberfeld) asistita de kaplano Blum (Essen) kaj kaplano Dirks (Bochum). La prediko de kaplano Wachowski (en Esperanto) estis pri patriotismo. — Poste okazis en la granda salonego de « Erholung » la ĉefkunveno sub prezido de *D-ro Hinsenkamp*, kiu atentigis pri la altaj celoj de IKA, pri Esperanto kaj pri la neceseco de internacia organo, kiu devas fariĝi la dimanĉa gazeto de ĉiuj kleraj katolikoj tutmondaj. La tri parolantoj kaplano *Blum* (Essen), redaktoro *Thömmes* (Elberfeld) kaj stud. rer. pol. *Solzbacher* (Bonn) trovis riĉan aplaŭdon. Kaplano Blum raportis pri la kongreso de la Paca Ligo de Germanaj Katolikoj en Münster, S-ro Thömmes pri siaj impresoj en Francujo kaj pri germana-franca repaciĝo, Wilh. Solzbacher pri «Katolika Junularo kaj Esperanto» — Sekvis interesa diskutado. Oni sendis saluttelegramon al Lia Ĉefepiskopa Moŝto Kardinalo Schulte (Köln) La ĵurnaloj detale raportis, ekz. Essener Volkszeitung, Kölnische Volkszeitung ktp.

---

### Ĉu ni iros Danzig-on ?

La hodiaŭa numero de K.M. enhavas alvokon de UEA al la nunjara Universala Esperanto-kongreso, kiu okazos en la malnova kaj fama urbo Danzig. Kvankam tiuj kongresoj estas neŭtralaj — oni esperas, ke kelkaj miloj da Esperantistoj el la tuta mondo venos al Danzig — estus tre bone kaj prudente, se ankaŭ multaj katolikaj Esperantistoj, t. e. multaj legantoj de K. M. vizitu la nunjaran UEA — kongreson.

Oni scias, ke precipe la nekatolikoj, unualoke la racionalistoj kaj komunistoj kulturas kaj akcelas la Esperantan lingvon, kiu trovas ĉiutage pli grandan disvastigon.

Ni, la katolikaj Esperantistoj, lernas kaj uzadas Esperanton pro la gravaj taskoj kaj celoj, kiujn enhavas la programo de nia Internacio Katolika (Ika). Se estas vere, ke, en multaj aliaj influsferoj, la katolikoj estas premitaj en la duan kaj trian pozicion, la Esperantistoj katolikaj devos montri, ke ili estas solidaraj kaj volas batal!adi en la unua vico.

Do ni iru al Danzig!

En la pasinta jaro multaj Ika-anoj vizitis la pacokongreson en Bierville. Ni tie renkontis niajn gesamideanojn el Aŭstrujo, Polujo, Litovujo, Germanujo k.a. En la unuaj tagoj de Aŭgusto okazis granda rondveturo tra la norda Francujo Ĉie estis semata la semo de la paco, kiu estas ĉiama akompananto de Esperanto.

La eldonejo de *Katolika Mondo* aranĝos okaze de nunjara UEA-kongreso *pacan karavanon al Danzig* kaj poste *tra Polujo kaj Bohemujo*. Niaj multnombraj sendubeĝojos, vidi kaj konversacii grandan nombron da samcelanoj, kiuj tiuokaze ankaŭ ekkonos la bonfaman kaj malnovan kulturon katolikan en la slavlingvaj landoj.

En la februara numero ni informos niajn legantojn pri la detalaĵoj kaj pri la vojaĝelspezoj. Ni esperas, ke ni povos ebligi al multaj K.M. — anoj tiun paceman ekspedicion.

---

### Esperanto-Tago en la okcidenta Germanujo

Komprenas per si mem, ke en la sidejo de societo ankaŭ ekzistas aktiva kaj vigla vivo. Nia Ika-kaj katolika Esperanto-movado estas ankoraŭ juna kaj sporadeta. Tamen jam ekzistas kelkaj centropunktoj, kie okazas regule grandaj kaj malgrandaj kunvenoj. Tiaj rendevuoj estas vere necesaj kaj utilaj. Ili akcelas la unuiĝvivon kaj alkondukas novajn amikojn al nia Ika-kaj Esperanto movado. Do estos nepre necese, ke ĉie, kie ekzistas grandeta Ika-grupo, estu aranĝataj iam kaj iam distriktaj kunvenoj. En la Oktobro okazis en *Essen* (Ruhr) bonvizitita kunsido, pri kiu ni publikigas la supran raporteton. La 30 an de Januaro okazos en *Elberfeld* grava renkonto de Ika-anoj. Ni havos la grandan plezuron, bonvenigi nian fidelan kunredaktoron, profesoro Pierre *Muffang* el Bourg-la-Reine apud Paris. Nia ŝatata samideano volonte konsentis fari paroladon Esperantan en tiu kunveno. La detalaĵojn de la programo trovas niaj amikoj en la anonca parto de tiu ĉi numero. La parolado de s-ro Muffang verŝajne estos disvastigata per la nova granda radio sendilo de Langenberg.

Estos honora devo de niaj Ika-anoj en la okcidenta Germanujo, ke ili venu al Elberfeld. Devos esti granda kaj rimarkinda antaŭprintempa rekrutigo de katolikaj Esperantistoj, kiu okazos en la bela kaj granda urba halo.

*Do, karaj gesamideanoj, venu al Elberfeld, ni vin atendas tutcerte kaj tutkore !*

## Esperanto-Tago
## en Elberfeld, Dimancon 30an de Januaro 1927

### Tagordo :

**Sabaton** la 29an je 20,25 h. alveno de la franca delegito prof. Pierre *Muffang* el Paris al la ĉefstacidomo Elberfeld.

**Dimanĉon** la 30an. 15,30 h. en la Suitbertuskirche (Kölner Strasse ĉe la Stadthalle) *Diservo Esperanta* kun prediko (kapelano *Wachowski* el Elberfeld.)

16.30 h.

**Publika Kunveno**

en la Stadthalle (Weisser Saal)

1) *Salutvortoj de Sro. kapelano Wachowski.*
2) *Patro Nia*. Religia Kanto (Esperantaj vortoj de Zamenhof, muziko de Manilius Herbig).
   Kanto : fino Aenne Altmann, Elberfeld
   Akompano : fino Trude Altmann
3) *Germanlingva parolado* de sro. dro. *Hinsenkamp*, advokato el Essen. Temo: *Esperanto, la moderna latino.*
4) *Sonato* Opus 137, n° 3 de Schubert (Violino : Kurt *Schäffer* el Elberfeld).
5) **Esperantlingva parolado** de sro profesoro Pierre *Muffang* el Paris. Temo: *Rilatoj internaciaj.*
6. *La Anĝelo*. Richard Wagner-Sopransolo (fino Aenne Altmann).
7) *Teatraĵo. Fugo el Babilono.*

## Internacia Ekspozicio de Ilustritaj Poŝtkartoj
### (Januaro — Majo 1927)

La katolika grupo ESPERANTISTA AMIKECO, kiu honore ekzercas la Nacian Sekretarejon de MONDJUNULARO KATOLIKA en Hispanio, kaj estas esperanta fako de la bonfara kaj instruiga societo « CASAL CATOLICO» (Granddomo Katolika) loĝata en Barcelona, organizas grandan internacian ekspozicion de ilustritaj poŝtkartoj por praktike pruvi la taŭgecon kaj viglecon de Esperanto, ĉiam kreskanta en la tuta mondo.

Helpu nin ! Ni prezentos kaj donos premion al tiuj, kiuj sendu al ni la plej belajn kaj artajn ilustritajn poŝtkartojn laŭ jenaj.

### KONDIĈOJ

UNUA. — La bildoj aŭ fotografaĵoj estos arta, kaj belaj pri pejzaĝoj, preĝejoj, monumentoj, tipoj, kutimoj, kaj aliaj, lau plaĉo de la sendintoj sed ili estu tre moralaj.

DUA. - La sendinto skribos sian adresont re legeble, kaj diros nur, kion signifas la bildo.

TRIA. — Oni devas bildflanke afranki, sed en en la landoj, kie tio ne estas permesata, oni povas afranki laŭ deviga maniero, sed algluante iun ajn neuzitan poŝtmarkon sur la bildflanko.

KVARA. — Ĉiu poŝtkarto sendita apartenos al ESPERANTISTA AMIKECO.

KVINA — En tiu ĉi Ekspozicio povos partopreni ĉiuj geesperantistoj de la tuta mondo.

### PREMIOJ

I. — Unu de 100 pesetoj.
II. — Unu de 50 pesetoj.
III. — Unu de 25 pesetoj.
VI. — Unu albumo de 100 ilustritaj poŝtkarto deHispanjuo.
V. — Unu albumo de 50 ilustritoj poŝtkartoj de Barcelona.
VI. — Unu Jarabono al la KATOLIKA MONDO kaj LA JUNA BATALANTO.
VII. — Unu jarabono al la Espero Katolika.

NOTOJ :

a/. Oni sendos la premion al la gajnintoj
b/. Kun la nomoj de la sendintoj on formos honorlibron.
c/. La Fuĝantaro disdonos aŭ partigos la premion pri la merito.

ADRESO :

**CASAL CATOLICO**
**Esperantista Amikeco (Ekspozicio)**
**Pons y Gallarza. 58 y 60.**
**BARCELONA. S-A.**
**(HISPANUJO)**

BARCELONA, decembro 1926.

*La Prezidanto :* **Felix Fernandez Coco** — *La Sekretario :* **Jose Ordinana Mery**

*La Ĉefdirektoro :* **Salvodor Ester Palau**, Presbitero

La Internacia Centra Komitato de la Esperanto movado decidis akcepti la inviton de la Danziga Esperanto Asocio kaj Danziga Internacia Foiro okazigi la

# 19 an Universalan Esperanto - Kongreson en DANZIG
*( LIBERA URBO )*

Kaŭze de la plej ĝenerala deziro de la esperantistaro

**la kongreso okazos 28. Julio — 4. Augusto 1927.**

En la somero 1927 la esperanta mondo festos ne nur sian ĉiujaran kongreson en la libera urbo kaj ŝtato DANZIG, sed estos pasintaj 40 jaroj de post la publika apero de nia kara lingvo :

## ESPERANTO

La sukceso de la estonta kongreso ne dependos sole de ni. Ni bezonas la internacian publikon esperantistan. Ni bezonas vin ĉiujn! Por ke la kongreso povu forte efiki ankaŭ sur la eksteran publikon estas ankaŭ nepre necesa ne nur multnombra partopreno, sed ankaŭ reprezento de plej multaj landoj. Estat ja jubilea kongreso — ni aranĝos specialan karavanon al Varsovio, kie la esperantistaro starigis monumenton al la kreinto de la lingvo :

### D-ro L. L. ZAMENHOF.

Tial ni turnas nin aparte al la societoj esperantaj en tiuj landoj, el kiuj oni ne povas atendi multajn alveturontojn, per la insisista peto, ke ili jam nun pripensu la kolekton de mono por la celo esti inde represetatatajn dum la kongreso. Se la esperantistoj en tiuj landoj, el kiuj estas malfacile alveturi al la kongreso zorgos pri tio, ke ili povu pagi la vojaĝkostojn por almenaŭ unu reprezentanto, ili faros servon ne nur al sialanda movado sed ankaŭ al la tutdmonda movado esperanrista.

Nia movado tutmonda ja estas je la komenco de nova kaj grava epoko.

Venu! Venu kaj kunportu la naciajn kostumajn kaj surmetu ilin ne nur dum la kongresfestoj, sed ankaŭ dum la promenado en la antikvaj stratoj kaj stratetoj de Danzig.

Tia estas tre grava afero por nia internacia kaj antikva hanzaurbo Danzig!

XIX. UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
L. K. K.
Aeltermann, Prezidanto.





## Bonan agon

aras, kiu subtenas la necesegan preĝejan konstruon en Sattledt (Aŭstrujo). La episkopo de Linz rekomendis favore la konstruadon, nia abato inaŭguris la fundamentan ŝtonon la 26 an de Septembro 1926. Multe jam oferis la loĝantaro de Sattledt kaj ĉirkaŭaĵo, sed, sen fremda helpo fini la konstraĵon estas neeble.

En Sattledt ekzistas lernejo, sed ne jam preĝejo. La multenombro de la infanoj kaj multaj maljunuloj povas viziti Diservon nur rare, ĉar la proksima preĝejo en Kremsmünster distancas de Sattledt unu horon kaj duonon.

Ĉis nun la fundamentoj de la nova preĝejo estas finitaj. La konstruado nur estos efektivigebla, se multaj unuanime kunhelpadas. La pripenso, ke ankaŭ nia mallonga vivo baldaŭ estos finata, alkondukos miajn karajn amikojn al kunlaboro je la preĝeja konstruado en Sattledt : je honoro de Dio, je sano kaj beno de Sattledt kaj ĉirkaŭaĵo, je ĝojo de ni ĉiuj, tie kaj ĉi tie.

En la amo de Jesuo salutas ĉiujn tutkore.

**P. Wisinto OSB.**
**Fischlham bei Lambach Aûstrujo.**

La eldonejo de KM. volonte akceptas oferojn. Oni pagu per la postĉekaj kontoj aŭ per bankbiletoj, sciigante, ke la sumo estas destinota por Sattledt.



Presejo COLLINS, Charleroi (Belgio).